XXXIII-a Jaro — N-ro 453 — 25 Novembro 1937


# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio


# Lidia Zamenhof en Ameriko

La Esperanto-movado de Usono kaj speciale tiu de Nov-Jorko nun spertas gravan periodon de sia historio, ĉar Lidia Zamenhof, invitita de la Nacia Spirita Konsilantaro de la Baha-anoj, vizitas la « Novan Mondon ».

Ŝi alvenis per la Pola ŝipo « Batory » en Nov-Jorko, la 30-an de Septembro. Grupeto da Esperantistoj kaj Baha-anoj bonvenigis ŝin ĉe la ŝipejo — malgranda nur estis tiu grupeto, ĉar estis labortago. Kune ili iris al la hotelo « New Yorker » ; tie kelkaj ĵurnalistoj dum longa tempo intervjuis la gastinon kaj montris grandan intereson pri la Esperantismo. Du el la plej gravaj taggazetoj raportis pri la okazaĵo ; inter ili estas la plej disvastigita, la « News » (eldonkvanto 3.000.000).

### Interkonatiĝa kunveno

okazis la duan de Oktobro en la domo de la loka Baha'i grupo, kies estraro aranĝis te-trinkadon. La salono estis tute plena kaj ĉiu penis paroli kun F-ino Zamenhof dum kelka tempo. S-ro Mountfort Mills, la estro de la Nacia Spirita Konsilantaro, bonvenigis F-ino Zamenhof en la angla lingvo ; S-ino Della C. Quinlan en Esperanto, nome de la invita komitato.

Surprizo venis kiam Lidia Zamenhof respondis per ĉarma kaj inspiriga parolado en la angla lingvo, kaj entuziasma estis la aplaŭdo kiu sekvis.

Sekvis komuna vespermanĝo en la hotelo « New Yorker », kie proksimume 50 personoj ĉeestis. Post tio la Nov-Jorka Esperanto Societo invitis ĉiujn al sia kunveno, en la sama hotelo ; la kunveno estis ĉefe dediĉita al

### Provleciono de Cseh-kurso

kiun gvidis Lidia Zamenhof.

Plenplena estis la malgranda salono, pli ol 100 personoj ĉeestis ĉe la komenco kaj la alfluo ne ĉesis. En vigla, sprita maniero F-ino Zamenhof kondukis la lecionon ; ne miriga estas la sukceso, laŭ tiu kiun ŝi jam havis en Francujo.

Sendube ankaŭ tie ĉi ŝin atendas sukceso. Dum tri monatoj Lidia Zamenhof kursgvidos en Nov-Jorko, kaj se eble ankaŭ en aliaj lokoj. La 10-an de Oktobro jam estis 47 kursanoj. Se oni konsideras la malfacilaĵojn, kiujn la Esperanto movado spertas en ĉi tiu granda urbo, tiu rezulto jam estas kontentiga. Sed la nombro certe ankoraŭ kreskos.

La 17-an de Oktobro F-ino Zamenhof parolis en la Baha'i kunveno pri « La Reveno de Spirita Heroeco ». Multaj Baha-anoj, kiuj ĝis nun ne okupiĝis pri la mondlingvo, komencis la studadon de Esperanto.

Novan esperon vekis Lidja Zamenhof en niaj koroj, kaj verdan fajron en la koroj de multaj ĝis nun indiferentaj. Benata estu ŝia malfacila laboro !

N-Y-anoj.

### Informo

**Pro teknika malfacilaĵo, la nuna numero prokrastiĝis iom. Ni petas pardonon pro tio.**

**La venonta numero de ESPERANTO eliros iom antaŭ kristnasko. Ĝi estos duobla kun riĉa enhavo ĝenerala kaj esperantista.**

**Al ĉiuj legantoj : Koran saluton !**

La Redakcio.

# Profesoro Bujwid 80 jara

La 30-an de Novembro 1937 Prof. Odo Bujwid, la nestoro de nia movado festis la 80-an datrevenon de naskiĝo, (30 Nov. 1857 en Wilno).

Supozeble Prof. Bujwid estas la sola fidelulo, kiu, estinte universitata kolego de D-ro Zamenhof, persistis en la ideo trans ĉiuj cirkonstancoj de l'vivo ĝis nun. Kun efektiva respekto la Esperantistoj havintaj okazon konatiĝi kun la jubileulo salutas kore la Profesoron esprimante dankon kaj admiron pro lia penado dum jardekoj.

Profesoro Bujwid kies nomo estas intime ligata al Krakovo estas idealisto kaj bonfaranto. La senpartia juĝo, libera je bizantinismo admiras en li pion iron kaj batalanton trifojan : Por la higieno per bakteriologio, por renaskiĝo de Pola Regno per aliĝo al Pola Legio, por



intergenta kompreno per help lingvo. Servado al proksimulo^a popolo, homaro.

Studinte ĉe la kreintoj de l'bakteriologio Pasteur kaj Koch, Prof. Bujwid popularigis ties ideojn kaj kelkcento da laboraĵoj. skribaj en pluraj lingvoj atestas tion. Ni memoru, ke la bakteriologio, baza scienco por efika kontraŭbatalo de infektaj malsanoj, renkontis kontraŭstaron kiel ĉio nova kaj kion Prof. Bujwid faris por nia afero estas konata. Kaj fine, jam atinginte aĝon de ripozo, li aliĝis libervole al Polaj Legioj en 1914 kaj servis ĝis 1918, jaro de l'renaskiĝo de l' Pola Ŝtato. Profesoro Bujwid havis la eksterordinaran ŝancon, vidi la fruktojn de sia agado. Sed spite ĉiuj nesufiĉecoj de l'homa vivo, Profesoro Bujwid konservis la entuziasmon de l'juneco, la ardan flamon de l'konvinko. Trans maroj kaj montaroj flugu la silenta saluto de liaj amikoj.

## Lord Cecil - Nobelpremiito

Kun la pacamikoj, ankaŭ la Esperantistoj sciiĝis kun ĝojo pri la aljuĝo de la Nobelpremio por la paco al Lord Cecil.

Lord Cecil estas sincera amiko de nia ideo kaj movado. Ni memoru, ke en jaro 1920, li kiel unua subskribis la faman rezolucion, prezentitan de la reprezentantoj de dek registaroj al la kunveno de la Ligo de Nacioj, instigante esplori la staton de Esperanto.

Multaj jaroj jam pasis. La Ligo de Nacioj, ne nur seniluziigis tutajn popolojn. Ankaŭ la batalantojn por paco kaj... nin, la esperantistojn. Sed ni ĉiuj konas la profundajn kaŭzojn. Ni devas batali kaj elteni. Iam ni venkos. Por la paco kaj por Esperanto. Jen kuraĝiga vorto de Lord Cecil :

*Oni diras okaze, la milito respondas al la naturo de l'homo. Tio ne estas vere. La paco, estas la normala stato de la homaro... se ĝi estas vere sana. — Milito estas malsano, kaj tia malsano kontraŭ kiu oni povas uzi antaŭprotektajn mezurojn. Pro tio la paco estas la ĉefkondiĉo por la progreso de la homaro, kaj pro tio ĉiuj bonaj kaj klarvidaj homoj ĝin konsideris kiel la plej bonan benon de la homaro.*

## Pensu pri la doloro de Hispanujo

Inter la hispana paviljono kaj la katolika paviljono en la Mondekspozicio en Parizo staras belega skulptaĵo, tri metrojn alta :

« *Songez à la douleur de l'Espagne* »
(Pensu pri doloro de Hispanujo)

Patrino kaj infano. Sendefendaj. Sendefendaj kontraŭ la monstro : MILITO, pro kiu ĉiuj partioj egale suferas.

Ĝis nun multaj virinoj kaj patrinoj preterpasis la inspirantan artverkon, kelkaj videble kortuŝitaj, sed evidente ne daŭre tuŝitaj. Tial mi volas engravuri ĉi tiujn vortojn en la korojn de ĉiuj virinoj :

*Pensu al la doloro de Hispanujo,*
*Pensu al la doloro de la mondo.*

Ĉu ni virinoj de la mondo ne havus la povon haltigi la « militon-per-armiloj » kaj meti la konfliktojn en la konferencajn salonojn de la Ligo de Nacioj ? Ĉu ni ne povus tion fari ? Eĉ ne, se ni firme decidos ??? Virinoj,

*Haltigu la militon en Hispanujo !*
*Haltigu la militon en Ĉinujo !*

Kiel ondo tio devas iri tra la mondo : Haltigu militon. Haltigu militon. « Pensu pri la doloro de la mondo. »

La kortuŝa impreso del' supre menciata artaĵo estos utiligata por kolekti monon por la hispanaj infanoj de ambaŭ frontoj kaj oni disdonos la fotojn al la virinoj kaj patrinojkiel memoraĵon kaj instigon al niaaltvirina tasko : haltigi la militon, haltigi la sangverŝadon. En la Ligo de Nacioj oni povas batali per la ponardoj de la intelekto, kiom ajn oni volas, sed la militterurajo devas finiĝi !

*La mortigado devas ĉesi* !!!

En la kontrakto de la Ligo de Nacioj estas grandega eraro, terura eraro kaj tio estas, ke la Ŝtatoj helpos unu la alian kontraŭ la « atakanto ». Oni nomas komisionojn por esplori, kiu estas la atakanto kaj dume la homoj interbuĉadas sin. Kiel ni povas toleri tion, kial nia animo ne dissiriĝas pro tiom da doloro ? Ĉu la policano en la strato demandas, kiu estas la atakanto, kiam li vidas batalon ? Li finas la batalon kaj ambaŭ partioj estas kondukataj antaŭ la juĝiston. Tio devus esti la tasko de la Ligo de Nacioj. Sed la Ligo ankoraŭ ne povas fari tion, ĉar la popoloj ankoraŭ ne donis la povon kaj eblecon al ĝi. Ĉiam ankoraŭ la popoloj pensas, ke ili devas mem zorgi por sia propra sekureco. La Ligo de Nacioj ankoraŭ ne posedas internacian polican armeon. Kaj ĉu ni, virinoj, kiuj estas la naturaj protektantinoj de la vivo, toleru ke la homoj ekstermas sin kiel ratojn ??? Ne toleru tion, Virinoj de la mondo !!

Donu vian voĉon por la movado : « Haltigu la militon ».

Nenia kotizajo, nenia membreco, sed donu vian voĉon kaj laboru por ĉi tiu movado.

*Haltigu la militon* !
*Pensu pri doloro de Hispanujo* !
*Pensu pri doloro tutmonda* !

(Aliaj gazetoj bonvolu represi.)


# Universala Esperanto - Asocio

**Centra Oficejo : Nuna adreso : Palais Wilson, Genève, Svislando**

# Tra la Esperantista gazetaro

## La Praktiko

La gazeto kiu instruas kaj amuzas regule eliras kun ĉiam plaĉa enhavo. Amuzaj estas la karikaturaĵoj kies ne-elĉerpebla temo estas la organizaj kvereloj. La Oktobra numero ekzemple montras Sinjoron Isbrücker en kostumo de hinda serpent dresisto, ambaŭflanke serpentoj moviĝantaj : Teksto lakona :

*S-ro I. R. G. Isbrücker, prezidanto de la Esperantista Akademio, tradukinto de la orienta romano « Akbar » k.t.p.*

*« Pli facile estas mildigi venenajn serpentojn ol malpacantajn esperantistojn. »*

## Vera Vojo

Foliumante tiun ĉi preskaŭ tute en japanaj signoj presitan gazeton, ni eltranĉas interesan tabelon de prezoj. Oni komparu kun ĉi-tiuj sumoj la prezojn en Eŭropaj landoj kaj oni komprenas la danĝeron de l'konkurenco japana. En la sama numero estas anonco pri adresmaŝino (videble fidela kopio de la germana ADREMA) kiu kostas 105,50 Jenojn do ĉirkaŭ 130 Frk. sv. !

La prezoj estas en Jeno japana, kies valoro estas ĉ. 1,25 Fr.sv., 8,5 Fr.fr. aŭ 12 pencoj.

| | |
|---|---|
| Mallerta-laborista, tage.. | 1.10 |
| Ĉarpentisto, tagsalajro .. | 2.50 |
| Monatsalajro de ellerninto de liceo .............. | 25.00 |
| Monatsalajro de ellerninto de universitato ....... | 50.00 |
| Manĝkosto en manĝejo (laŭ vivo de policano) matene | .10 |
| Tage ................ | .15 |
| Vespere .............. | .15 |
| Veturo per tramo, tuturbe. | .07 |
| Tagĵurnalo por 1 monato (matene kaj vespere) .. | 1.00 |
| Enlanda sendkosto poŝtkarto ................ | 0.02 |
| Letero .................. | 0.04 |
| Eksterlanda, poŝtkarto | 0.10 |
| Letero .................. | 0.20 |
| Respondkupono ........ | 0.35 |

## La Interligilo de l' P. T. T.

### Centra organo de Fakinformoj en Esperanto

Tiu ĉi faka revuo, plej regula kaj ĉiam je valora enhavo, ankaŭ por ne-fakulo estas leginda. Ni ĉerpas sciindaĵon :

« Roosevelt ricevas ĉiutage meznombre 8.000 leterojn, poŝtalveno, kio prezentas veran rekordon por ŝtatestro de Usono. La malnovan rekordon posedis Wilson, kiu dum la mondmilito ricevis potage 800 leterojn, dume por la prezidanto Hoover oni konstatis meznombron de « nur » 600 poŝtaĵoj.

## Niaj Vizagoj

### Sendependa kaj senpolitika revuo

estas jugoslava periodaĵo redaktata de Damjan Vahen en Ljubljana, Reslova 29. Lasta numero ricevita estas tiu de Aprilo 1937. Multaj bildoj, kolora preso.

## LINGVO-LIBRO

Senpaga suplemento al Literatura Mondo penadas ne nur instrui sed ankaŭ amuzi la Esperantistan publikon. La dua numero de 1937 aperinta antaŭ nelonge enhavas inter aliaj interesaj artikoloj literaturan enigmon, verkitan de H. Ribeaupierre (?) kaj titolitan,

## La Internacia Centra Kavo

Estas vizito de la verkinto al la damnitoj en la Infero. Pasas antaŭ ni esperantistaj « steloj » kiujn vi divenu. Ni citas :

*Akra scivolo min spronis al la niĉoj. En la unua sur roko nuda, sidis en la pozo de beatiĝinta fakiro, viro ne malpli nuda, apud kiu kuŝis kruĉo, barelo kaj lampo rompitaj. En sia kompleta forrifuzo de ĉia civilizo, tiu nova Diogeno rigardis ne nur sian kruĉon malutila, sed ankaŭ sian barelon kaj lampon. Per tiu lasta li longe serĉis veran homon sed sed trovinte nur degenerintajn simiojn, Li fine rezignis pri ĉia socia vivo. Li estis Petro la Solulo.*

.˙.

*La duan niĉon okupis viro varmsanga. Sian barelon kaj sian kruĉon li jam tute malplenigis, kaj siân lampon estingis. Ankaŭ li sidis en beata pozo, sed apud li kuŝis belega virino. Dolĉe kaj pasie li flustris al ŝi : — Ho, Malina, kial eterne surdi al miaj deziro kaj tamen premi mian sangon kiel Vin-ŝtono ? Ho, mia bela Tanagra, ĉu vane mi faris al vi lokon en mia niĉo ? — Li estis Georgo la Maŭro.*

.˙.

*Super la tria niĉo pendis metala ŝildo, sur kiu brile paradis :* 1) *la vorto* Inform-oficejo ; 2) *brila blazono ,* 3) *la jena orlitera devizo :* En la komenco Dio kreis la komforton. *De ekstere ĉio aspektis tiel diskrete alloga, ke mi nevole enŝovis la nazon en la giĉetsimilan fendon : Sur la nove farbita barelo staris la brila lampo, kaj sur la plialtigita kruĉo sidis eta, brunhara viro, kiu vigle movis la malicetajn okulojn kun tre serena esprimo. Li ŝajnis farti tre hejmece kaj lasis la impreson, ke ĉie li IEL sukcesus bone instaliĝi.*

*— Kio je via servo ? li afable demandis. — Mi organizas vizitkaravanojn, aranĝas plurtagajn restadojn, gvidas ekskursojn, redaktas jarlibrojn konsilas eksiĝ-, ojn, entreprenas propagandvojaĝojn, kaj pacigas la plej senesperajn disputojn. Ĉu eble vi deziras reklamon en la venonta Infera Almanako ? Li proponis transdonante la ĉijaran ekzempleron.*

*— Ni vidos ĉe la reveno. Eble ni bezonos viajn servojn !*

*— Tudeluzki ! Nomu min Tiny la Etulo !*

.˙.

*— Mi estas Teo, la heroldo. Ĉiutage mi trenas min supren por tie kanti* la Altan Kanton de la Lamo. *Mi maljunas kaj jam de jaroj ne plu jungas Pegazon. Nur piede mi iras. Kâj nun vian venon mi devas nepre anonci al la Centra Potenco. Preĝu por mi, Sinjoroj !*

*— Horremus ! ni kortuŝe samtempis.*

.˙.

*En profunda galerio baraktis Edvardo la Dentisto penante elmini ĉiujn portretojn de la Sankta Familio. Lin konstante ĝenis Ardante Popolan, kiu rajdante sur ora azeno entreprenis traduki ĉion el la « polla » lingvo kaj ĉien enĵetis pipron por disternigi sian famon.*

*— Lonkopolanski ! kolere blekis Edvardo en la gepatra lingvo.*

*— Krestomanski ! blasfeme respondis Ardante Popolan.*

*La disputon tre ĝuis la apude kuŝanta Leono Belmonta, kiu kuraĝige instigis jen unu, jen la alian : « Vi venkos, Sinjoro, vi venkos ! »*

.˙.

*Sube en la valo svarmis la damnitaj legioj. Sed ili jam ne interesis nin. Pretere ni rimarkis la birdkortan konsilanton Pugo-sur-Ŝtono, kiu ŝanĝiĝinte meleagro pretendeme klukis apud Petro-l'Eta, la kolerblekanta vir-ansero.*



## Comunicat de Premsa

(Generalitat de Catalunya)

La kataluna registaro regule dissendas siajn gazetkomunikojn en Esperanto. Ni ekstraktas el tiuj komunikoj :

« La presagentejo « Agence Espagne » komunikas, ke jam de unu monato ĉiuj lernejoj en Madrido rekomencis sian regulan funkciadon. En Madrido troviĝas ankoraŭ 50.000 infanoj. Depost dekmonata heroa defendo estas kompreneble, ke la militaj okazintaĵoj pli okupas la infanojn ol la lernejvizitado. Ludi militon ĉefe okupas ilin. Multaj el ili ne nur kontentiĝas kun ludo, sed ankaŭ klopodas kaj eĉ atingas la unuajn liniojn en la Universitata Urbeto, kaj kiel ili deklaras por helpi en la defendo de la urbo.

Tiujn tagojn gardis sin ia naŭjara knabino en la tanko kaj povis esti elkovrita, kiam la tanko troviĝis jam en la fajra linio. La knabino defendis sin per siaj kruroj kaj manoj, nevolinte reveni al sia hejmo, sed resti ĉe soldatoj por flegi la vunditojn.

La evakuado de en Madrido restintaj infanoj, ne nur faciligos defendon de la urbo, sed ankaŭ ebligos tute alian lernejedukadon. Tial organizas la Unuiĝinta Socialista Junularo ĉe ĉiuj parkoj kaj infan-ludlokoj la kunvenojn de infanoj, partoprenataj de centoj da infanoj. Al tiuj infanoj alparolas anoj de la Junularo demandante ĉu ili volas, ke Madrido falu ? Al tiu demando la infanoj respondas ĥore : ne ! kaj poste ili estas petataj kun siaj gepatroj forlasi la urbon. Tiu propagando havis la rezulton, ke la kvanto de infanoj forlasinta Madridon ĉiutage estas pli granda.

## COSMOGLOTTA

### Official mensual organ del OCCIDENTAL UNION

Kvankam ne esperantista, ni lokigas ĉi tiun gazeton tie ĉi pro sciigo nin interesanta. Ĝi informas en Aŭgusta numero pri la aŭtoreco de Ido. Pie kaj persiste oni ripetis ĝis nun, ke la aŭtoro estis — De Beaufront. — La gazeto Cosmoglott relevas vualon informante :

*Ankoraŭ hodiaŭ neniu dubas, ke la aŭtoro de la projekto Ido esta De Beaufront. Ni povas malkaŝi la verecon kaj pruvi ĝin per aŭtentikaj dokumentoj : La vera aŭtoro de Ido ne estas De Beaufront, sed Couturat mem.*

*La patreco de Ido ne povas mirigi nin. Dum* 10 *jaroj Couturat studadis la problemon de la Lingvo Internacia tiom profunde, ke li estas konsiderata kiel la plej kompetenta lingvisto. Lia granda « Histoire de la langue universelle » kompletigita per la « Nouvelles langues internationales », publikigita en* 1907, *liaj broŝuroj de propagando favore al LI ĝenerale, lia kreo de la Delegacio por adopto de LI kaj, fine, lia « Etude sur la dérivation dans la langue internationale » faras el li la plej sciencan specialiston pri LI.*

*Ĉu oni povas kredi, ke homo kiel Couturat ne havis ankaŭ siajn proprajn ideojn pri LI kiel tiom da aliaj homoj ? Ĉu ne estas nature, ke post ekzameno kaj juĝo de tiom da projektoj, kaj konante la kvalitojn kaj difektojn de tiom da multnombraj proponoj, li volis fine koncentrigi la finan rezulton de siaj observoj per unu projekto ? La legado de lia vasta korespondado pruvas, ke jam pluraj monatoj antaŭ la kunveno de* 1907 *Couturat ellaboris planon de reformo de Esperanto kaj submetis ĝin al siaj intimaj amikoj.*

*La ideo pri reformo de Esperanto jam « ŝvebis en la aero » : Jam dum la Esperanto-Kongreso en Genève* 1906 *okazis kunveno sekreta inter D-ro Zamenhof, D-ro Javal kaj Komandanto Lemaire por diskuti la demandon de la necesaj reformoj. Ĉar D-ro Zamenhof pretekstis komercaj kaj financaj baroj D-ro Javal kaj la belga esploristo Komandanto Lemaire oferis* 250.000 *Frk. por liberigi lin de la eldonist-rajtoj. D-ro Zamenhof principe akceptis kaj promesis ellabori planon de reformo. Poste li revenis al Parizo kun reformoj, kiuj montriĝis nesufiĉaj, kaj D-ro Javal kaj Lemaire retiris sian oferon. Fakte D-ro Zamenhof proponis nur eviti la supersignojn per aldono de « h » post la rilataj leteroj.*

[Teksto tradukita el lingvo Occidental]

---

Hu, hu, kia novaĵo por miregigi la civitanon ! Se tiel aspektas la vero, tiam ni ŝatus konatiĝi kun efektivaj malveraĵoj ! Tiu ĉi provo subaĉeti D-ron Zamenhof ja estas tipa, ne por la du honorindaj personoj, Javal kaj Lemaire, sed por tiu kiu 30 jarojn poste surtabligas tion. Utile estus scii sur kiuj dokumentoj bazas tiu ĉi diraĵo.

## La Vipo,

revueto por satiro, humoro kaj ironio. Neelĉerpebla temo : Batalo inter UEA kaj IEL, la licencpago, la kongreso. La dua numero enhavas :

Ni organizu la malorganizon/ Jubilea Kongreso, aŭtentika raporto/Fosetante en la nazon, acidaj pensoj pri la kongreso/ Biblia Epizodo/

k. a. Sub Fakaj kunvenoj ni legis :

*La fakkunveno de la juristoj estis pli multnombra. Ĝin ĉeestis tri personoj. La kunveno decidis donaci al Generalo Bastono lukse binditan ekzempleron de la svisa civila leĝaro. »*

Pri Internacia Balo :

*« La balo estis tre bone organizita. Ĉe la eniro oni kontrolis la kongreskartojn kvinfoje. Antaŭ ĉiu danco ĉiu estis devigita renove montri sian kongreskarton. Nur en la bufedo oni ne postulis la karton, tie sufiĉis mono. »*

.˙.

*« Okazis hodiaŭ prelego pri Svisujo. Sinjoro Dratero bonvolis helpi al la preleganto, demonstraciante propramane la bildojn per projekcia aparato. Por vivigi la bildojn sinjoro Dratero ŝovadis ilin en la aparaton per tremanta mano. La efiko estis bonega. Sur la ekrano ekdancis ne nur la svisaj bovinoj, sed eĉ la montoj kaj la tuta Ligo de Nacioj. Dank'al tiu genia eltrovo de la kongresa direktoro ĉiuj bone amuziĝis. »*

Sub « Konfidenca rubriko » ni legas :

*ke la direktorino de Apud-Instituto ne konfirmis la decidon de la ministraro de Certalando pri anekdoto rakontota de ĝia reprezentanto dum la Jubilea kongreso. Kaj tial S-ro Isaspontulo unuafoje en la historio de la Esperanto-Movado ne rakontis registaran anekdoton dum sia oficiala salutparolado.*

.˙.

*ke S-ro Ludemulo volis fari belan ludon, invitante la IEL gvidantojn kongresi en la ursa urbo, kie eĉ la regnogvidisto estus facile formanĝebla de la terura Jakobo.*

.˙.

Ni esperu, ke neniu el la vipataj samideanoj pro kolero mortpafu la ĉefvipulon.

# Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XVIII. *(sekvo)*

## Pravigo de la du sistemoj

Du motivojn havas la adeptoj de la unua sistemo: propaganda kaj stila. En ambaŭ motivoj ili pravas. Unue, por altiri neesperantan mondon, mondon de Okcidenta Eŭropo, estas pli trafe ne uzi la formojn, kiuj ŝajnas « barbaraj ». Ekzemple, anstataŭ uzi,: kunsido unuiĝo, ĉionscianta, estraro, hejma, libraro... oni uzu prefere : seanco, alianco, omniscienca, aŭtoritatoj, domesta, biblioteko. Por akceptigi Esperanton — lingvon regulan, logikan kaj facilan, ili proponas ĝin unue fari neregula, nelogika kaj nefacila, sed nur por altiri novulojn. Post la venko ili konsentus reveni al pure esperantaj formoj. La dua motivo, ke la kunmetaĵoj ne estas precizaj, nek klaraj, unusencaj. Ekzemple, oni neniam scias ĉu *pafilego* estas nur granda pafilo aŭ negranda kanono, ĉu *papaveto* estas malgranda papavo aŭ ia malgranda speco de papavo, ktp. Efektive, nek Zamenhof, nek la Fundamento, nek LK, donis iajn regulojn por fiksi la vortfaradon. Kiuj (kiel De Saussure) provis tion fari, por iniciati novan praktikan elprovadon, tiuj laboremuloj estis anatemitaj kiel danĝeraj reformantoj.

La ŝatantoj de la propra trezoro rezonas ankaŭ ĝuste: ni reklamas, ke Esperanto estas treege facila, do lasu ĝin tia, kia ĝi eliris el la manoj de Zamenhof. Ni ne trompu la publikon per trukitaj « internaciaspektaj » tekstoj, dum la vera lingvo estas « barbara », kun « teruraj » kunmetaĵoj. Ni ne ŝercu kun la trukado* de tekstoj destinitaj por fremda publiko, ĉar se vere ni altiras milojn da novuloj per tio, ni ilin tuj poste perdas, kiam ili rimarkas la trompon. Pli valoras dek mil fidelaj kaj lojalaj adeptoj, ol cent mil trompitoj, kiuj morgaŭ forlasos nian aferon. Se Esperanto estas lingvo, ne ĵargono, ĝi havu propran kostumon, honeste kudritan, — ne arlekenan karnavalveston, kiu aspektas diverskolore por diversaj rigardantoj. Ni ne devigu nian lingvon fariĝi bufono, kiu turnas sin antaŭ publiko, por flati ĝin per komplimentoj ĉiumomente variaj, laŭ la cirkonstancoj.

Pri la precizeco, ili diras ke la vorto *ĉielŝtono* estas same preciza kiel la vorto *aerolito*, se ni unufoje por ĉiam fiksis ĝian signifon, sed ke ĝi estas eĉ pli klara, ĉar la « scienca termino » (aerolito) povas elvoki la ideon de « lito en aero », de hamako, dum la esperanta kunmetaĵo, eĉ miskomprenita, sencus nur: « ĉiela ŝtono », kio estas proksima al la ĝusta ideo (solida korpo el interplaneda spaco.)

En la nuna stato la vortfara problemo estas nesolvebla, ĉar mankas du principaj kondiĉoj por ebligi la solvon: libera diskuto kaj taŭga materialo. Do, la solvo en estonto povos atingiĝi jenmaniere. La aŭtoritataj institucioj bonvole lasos plenan liberecon al ĉiuj uzi kaj studi la lingvon, ne malhelpante ilin per anatemoj aŭ intrigoj. Verkanto estos libera uzi novaĵojn, teoria studanto estos libera proponi novaĵojn, ano de LK estos libera diskuti ilin, kaj helpi al ĉiuj per siaj fakaj rimarkoj. Post tiaspeca libera periodo venos la momento kiam oni havos tri disvolvitajn sistemojn : okcidenta prunteprenema, miksita kaose kreanta, orienta regule kreanta. Preskaŭ por ĉiu derivita ideo oni havos tri formojn, libere evoluintajn, ekzemple :

* *truki*, artifike ŝanĝi ekste an aspekton por krei tendencan impreson.

| | | |
|---|---|---|
| antaŭdestinita | fatala | predestinita |
| kontraŭpluvilo | ombrelo | parapluvo |
| malgranda | mikra | eta |
| profundegaĵo | abismo, abiso | senfundo |
| malproksima | tela | fora |

Iu grupo da spertuloj studos la tri sistemojn laŭ iliaj praktikaj valoroj, (ĉar por la lingvo sole praktiko gravas), kaj sendube oni konkludos, ke unu sistemo superas du aliajn. Tia juĝado neeblas en nuna tempo, kaj se la libereco daŭre mankos, ĝi estos neebla ankoraŭ longe.

Oni povas demandi, kian sistemon uzas ĝenerale la naturaj memstaraj lingvoj por formi novajn formojn. Unuavide ŝajnas ke — diversajn sistemojn. Sed, se ni revenas al origino, ni trovas nur unu solan sistemon : **kunmetadon el la propra trezoro.** Jen kial. Ni vidu ekzemple, anglan vortaron. Ĉiuj kunmetitaj anglaj vortoj estas jam je nia favoro ni ilin preterpasu. Restas pruntaĵoj. Ni lasu tiujn kies deveno ne estas konata. Restas aro da latinaj, grekaj, francaj, arabaj k. a. vortoj. Nun, ni prenu unu post alia tiujn vortojn, kaj per la sama procedo, ni serĉu ilian devenon. Se ili estas kunmetitaj el propra trezoro, ili estas jam je nia favoro. Se tiu aŭ alia latina, greka, franca vorto estas elpruntita, ni serĉu ĝian devenon : keltan, egiptan, araban k.t.p. Daŭrigante tion ĝis la limoj de nia povo, kaj de nia kono, ni alvenas al la konstato, ke ĉiuj homaj vortoj finfine estas : aŭ sonimitaj interjekcioj, onomatopeoj, klamoj (ekzemple: kukolo, grilo, oh, ne, a, uf!), esence simplaj nedismembreblaj, aŭ estas kunmetitaj el sia trezoro. Tri ekzemploj sufiĉu, la angla vorto **Bishop** venas el la greka **Episkopos**, kiu siavice venas el du radikoj: *Epi* sur kaj *skop* rigardi, do estas kvazaŭ survidanto, Enrigardanto, Inspektoro. La angla vorto *Dandelion* venas el la franca *Dent de lion*, leondento (speco de planto kun akraj folioj). La angla *Immensity* originas el la latina *Immensitas*, kiu siavice venas el in (ne), mens- (mezur), -itas (eco, aĵo). Do, tiu kiu proponas « politeismo » kiel unuradikan vorton anstataŭ la kunmetita « multdieco », tiu eraras, ĉar « politeismo » estas ankaŭ kunmetita (hellena) vorto, kies elementojn ni facile divenas en : poli-glota, poli-teknika, mono-teismo, a-teismo, teo-logio,...

---

*Nobla estu la homo, helpema kaj bona.*

(GŒTHE).

*
* *

Neniam *detruu per facilanimeco, malfido, sarkasmo kaj moko tion kio estas en via kunhomo la plej nobla.*

Ch. KINGSLEY .

*
* *

*Neniam juĝu iun, antaŭ ol vi mem estis en lia pozicio.*

(TALMUDO).

# La sola

**de Karl Ettlinger**

Kiam li estis dudekdu-jara, li diris al sia patro : « Viaj bonaj instruoj estas senvaloraj; ili ne taŭgas por mi. Ĉar el ili parolas malfido kontraŭ la homaro, elreviĝo pri ĝi. Sed mi tamen kredas je la homaro. Se vi spertis malagrablaĵojn, estas via kulpo, paĉjo! Mi scias, mi sentas nur solan : oni povas fidi dum tiu ĉi mallonga vivo, kaj tio estas la boneco de la homa naturo. Tial ŝparu viajn bonajn konsilojn kaj lasu min en rapidi en tion, kion vi nomas mian pereon ! »

Li kisis sian patron, karesis al li la vangojn kaj pensis : kompatinda, malamiĝema paĉjo !

Poste li iris al siaj amikoj.

*
* *

Kiam li estis tridekkvar-jara, li diris al sia edzino : « Certe, estas dolorige, ke ĉiuj miaj amikoj trompis min. Malpleje mi estus supozinta ĝin de Aleksandro. Senhezite mi estus oferinta por li mian lastan heleron, kaj li perfidis min por lentmanĝaĵo. Sed mi ne ĉagreniĝas, ĉar mi havas ja vin ! Edzinamo estas la sola, je kio oni povas fidi en ĉi tiu ŝanĝiĝena mondo. Lasu min kisi viajn belajn, bluajn okulojn. »

Li karesis ŝiajn vangojn kaj penksis : Kiom riĉa mi estas ! Kiom senmezure riĉa !

*
* *

Kiam li estis kvardekkvin-jara, li diris al sia pudelo : « Hodiaŭ estas la trijara datreveno de kiam ŝi forlasis min. Ha, kaj kaj kun kia vantulo ŝi forkuris de mi ! Ŝi fariĝis certe tre malfeliĉa. Kiom mi amis ŝin kaj kiom da bono mi faris al ŝi : Se mi ne havus vin, mia kara pudelo, mi estus tute sola ! Vi, fidelaj bestoj, estas la solaj kreitaĵoj, je kiuj oni povas fidi en ĉi tiu malvera mondo ! Mi treege amas vin ! »

Li karesis la blankan pudelon kaj donis al ĝi pecon da sukero.

*
* *

Kiam li estis kvindektri-jara, li rigardis enpensiĝe la marmoran kapon de Apollo, troviĝantan sur sia skribotablo kaj diris : « Hieraŭ mi revidis mian pudelon sur la strato. Ĝi ekkonis min tuj kaj alsaltis min. Sed poste ĝi alturnigis sin al sia nova posedanto kaj lasis min stari tie. Mi povus repostuli ĝin, ĉar oni ŝtelis ja la pudelon de mi — sed laŭŝajne ĝi pliamas sian novan posedanton ol min. Kion oni rakontas pri la fideleco de la besto, ĉio estas nura fabelo. Nur je vi, senvivaj aĵoj, oni povas fidi ! Kiu do kreis vin, vi, bela marmora skulptaĵo ? Ĉu ankaŭ li suferis tiom multe ? »

Li karesis la malvarman marmoron kaj kisis ĝin.

*
* *

Kiam li estis sesdeksep-jara, li mortis. Korapopleksio, diris la kuracisto ! Oni trovis en lia postlasaĵo slipon, sur kiu oni legis jenon : **« Estas strange; mi komencis fidi je la homoj. Mi vidis hodiaŭ infanon, kiu... »** Meze de tiu ĉi frazo, la morto surprizis lin.

Malproksimaj parencoj dividis inter si la heredaĵon sopire atenditan. Nur malgrandan paketeton ili forĵetis. Ĝi entenis jam delonge senvaloran ŝuldateston, subskribitan de nekonata Aleksandro, inan buklon, ĉirkaŭkolon de hundo kaj restaĵojn de marmora figuro.

Trad. A. Taussig.

# El Regno de Eŭterpo

**Redaktas : Hillar Sakaria, diplom. muzikartisto, Tallin**

## Himnaro de la nacioj

### Ĉeĥoslovaka

**(Kde domov muj — Nad Tatrou se blyska**

La laŭleĝa himno de la Respubliko Ĉeĥoslovaka estas ario el la muzika teatraĵ « Fidlovačka », unuafoje aŭdigita 21. dec. 1834 en Praha. La aŭtoroj, ne intencintaj krei kimnon, estis; de la poeziaĵo — teatrartisto J. K. Tyl (1808-1856) kaj de la muziko — komponisto Fr. Škroup (1801-1862). Ĉar la ario, « *Kde domov můj* », plensente interpretita tiam de blindulo — artisto Mareŝ, montris ravan enhavon, rilatantan al tempoj de subpremo de la ĉeĥa nacio, la ario fariĝis profunde simpatia kaj kara al la publiko kaj baldaŭ disvastiĝis en la tuta ĉeĥa nacio. Post la mondmilito la (en 1918) nove memstariĝinta ČSR ne bezonis serĉi ian novan himnon, ĉar en la koro eĉ de ĉiu infano troviĝis jam tiu ĉi naturiĝinta kanto-donaco, kiu laŭleĝe fariĝis oficiala himno, alpreninte fratecan popolkanton de aliĝinta Slovakio » *Nad Tatrou se blyskà* », kies vortojn verkis Janko Matuŝka (1821-1877). En la jaro 1934, je la centa datreveno de ĝia unua apero, oni festis laŭmerite kaj grandstile la jubileon de « Kde domov můj » . Ĉe tiu okazo ankaŭ la poŝtmark-kolektantoj ricevis simpatian donacon de la registaro ĉeĥoslovaka, en du memoraj poŝtmarkoj, montrantaj la desegnaĵon « Kde domov můj », kreitan de klasikulo Josef Manes.

La ĉi-tie aperigata harmoniigo de la muziko estas oficiale ordonita, estante ne ŝanĝebla kaj aŭdigata dum ĉiu grava okazaĵo kaj ŝtataj festoj. La ĉeestantoj stare aŭskultas silente, viroj kun malkovrita kapo, militistoj kun konforma saluta gesto .Pluaj movoj aŭ gestoj ne estas praktikataj. La dua verso de la himno ne estas oficiale interpretata. La kantadon de la himno dum oficialaj festoj ne sekvas aplaŭdoj, vivukrioj aŭ io simila.

A. Veverka,
Delegito UEA, Mukačevo.




## Jen mia hejm', ho mia hejm,.

*Teksto: J. K. Tyl.*
*J. Matuŝka*

Trad. A. Veverka.

A. *Jen mia hejm' ho mia hejm'!*
*Ŝaŭmas akvoj tra kamparoj,*
*Bruas arboj en montaroj,*
*Brilas rozo en ĝarden' —*
*ho, vidinda ter-eden',*
*Jen alloga hejmo ĉeĥa,*
*:,:Land' bohema, mia hejm'!:,:*

B. *:,: Fulmotondro regas super*
*[Tatra:,:*
*:,:Plue, spite tion, vivos Slovakio,*
*[nia lando patra!:,:*

A. *Jen mia hejm' ho mia hejm'!*
*Spiritforta gento brava*
*Loĝas tie naturprava,*
*Kun pens' klara de l' prosper'*
*Kaj flam' forta de l'esper'.*
*Jen la regno nevenkebla,*
*:,:Hejmo slava, mia hejm'!:,:*

B. *Slovakio kvietsonĝis en dor-*
*[mego:,:*
*:,:Sed el dormo ĝia per bruego sia*
*[vekas ĝin tondrego.*

# Bibliografia Servo

*Ismael Gomes Braga :* Veterano ? Eld. Gazeto de Ameriko, Rio de Janeiro. 120 paĝoj. Formato 19×13 cm. Prezo ne indikita. (1937-33).

*** Esperanto en moderna vivo, Raporto kaj Konkludoj. Eld. Conférence internationale : L'Espéranto dans la vie moderne. Paris. 142 paĝoj. Formato 21×14 cm. Prezo ne indikita. (1937-34).

Joël Thézard : Polusaj Glacioj sub Noktomeza Suno. Eld Societo Franca por la Propagando de Esperanto, 34 rue de Chabrol, Paris X^e^. 48 paĝoj. Formato 19,5×14,5 cm. Prezo Frk. francaj 6. — (1937-35).

# Leteroj al redakcio

*Kiel sekvo al nia artikolo « La kontraŭjudismo » ni ricevis aron da korespondajoj aprobantaj. Ankaŭ aliaj. Ni represas unu el la plej atentindaj. Ni revenos je ĝi en venonta numero.*

*(Redakcio.)*

Tre estimata S-ro H. J.

*« Prefere malfrue ol neniam. »*

Per tiu ĉi tre konata proverbo mi aludas al via artikolo, « La Kontraŭjudismo », aperinta sub « Kalejdoskopo de Esperantismo », en n-ro 451, p. 74. Tre trafe vi karakterizas la koncernan « ismon », kaj tute prave vi mallaŭdas la esperantistan gvidantaron, kiu ĝis nun prisilentis ĝin je la preteksto de « neŭtraleco ». Ĉar ĝi efektive preterlasis pli ol unu oportunan okazon alpreni klaran pozicion rilate al la hontinda, hommalama antaŭjuĝo. Alskribi tian sintenon al simpla neŭtraleco estas sensence. Homoj bonvolemaj kaj justaj ĝenerale ne povas resti longatempe indiferentaj atestantoj de ofendoj kaj persekutoj nemeritite trudataj al aliaj homoj aŭ homgrupoj. Tio ne estas ja neŭtraleco, sed senenergieco, malkuraĝo. Kiel do okazis ke la plimulto de la gvidantoj de l'esperantista movado, konsistanta el homoj parolkaj skribpovaj, estis rifuĝinta en neŭtraleco por neniel protesti kontraŭ la kontraŭjudismo pli kaj pli disvastiĝanta? Kial ili eĉ ne esprimis indignon, kiam oni estis uzanta Esperanton por pravigi la ofendojn kaj persekutojn, por plue kalumnii la judojn? Vere, bela, perfekta neŭtraleco!... Precipe flanke de gvidantoj de movado kun la « interna ideo » de Zamenhof!...

Ho ve! Tia malfideliĝo okazis en nia movado, samkiel en aliaj movadoj celantaj etikan idealon. Estas nenio nova. Komence oni entuziasmiĝas pro la ideala celo. Sed laŭmezure, ke la movado estas pli malpli alfirmiĝanta kaj ĝia anaro kreskas, en ĝin penetras ankaŭ elementoj por kiuj la eksteraj formoj kaj formuloj estas pli gravaj, pli karaj ol la idealo celata; kiuj inklinas rapide forgesi tiun ĉi aŭ eĉ ne kapablas ĝin bone kompreni. Tiam oni ofte fermas la okulojn, oni ŝtopas al si volonte la orelojn je maljustajoj aŭ abomenajoj plenumataj de certaj grupoj. Oni tiel agas por ne perdi kotizojn, abonantojn, influon; unuvorte — por konservi pozicion ŝajne jam akiritan. Oni tute forgesas ke, senidea, la tuta movado estas pereonta en senceleco, en malpleneco; ke prefere estas konservi anaron malgrandan sed idealeman ol grandan — senidean; ke la ofero de la idealo eĉ ne helpos al la konservo tiel dezirata. Tial speciale danĝera estas tiurilate la unua idea kompromiso. Kaj en nia movado tia kompromiso estis la kongreso en Kolonjo... (1933).

Malfeliĉe, niaj gvidantoj — krom malmultaj esceptoj — ne sufiĉe aŭ tute ne insistis pri la « interna ideo ». Kial ili estus do interesiĝintaj pri tio, ke tuta homgrupo estas persekutata kiel sovaĝa, malbonfara bestaro, ke ĝi estas ofendmokata, ke oni malprave atribuas al ĝi ĉiujn malbonajojn, realajn kaj fantaziajn? Troviĝis eĉ iuj samideanoj (?) pli malpli praviganţaj la renovigitan, laŭmodan kontraŭjudan tendencon. Kiam oni esprimas al ili surprizon, ke disciploj de Zamenhof, la judo, alprenas tian sintenon al liaj samrasanoj, ili tute senĝene respondas: « *Kvankam* Zamenhof estis judo, liaj pens-maniero kaj karaktero estis tute ariaj, nejudaj... » Jen! Ĉu oni ne diras same pri ĉiuj iniciatintoj de grandaj etikaj tendencoj kaj movadoj, kies deveno estis juda?

Estas rimarkinde, — sed estis ja ankaŭ antaŭvideble, — ke la « neŭtraleca » sinteno de la esperantista gvidantaro tute ne sukcesis komplete konservi la movadon. Ĉar la oficialaj « kontraŭjudistoj » — « antisemitoj » — fine konvinkiĝis, ke esperanto, movado pacema, homarama, povas nur malutili al ilia propra « noblega » celado, malunuigi kaj interbataligi popolojn kaj rasojn.

Disponante, pli ol iu ajn, la necesan dokumentaron priesperantan, vi montras plej proksimume la efektivan partoprenon de judoj en la esperanta movado. Vi nediskuteble pruvas, ke la juda influo en ĝi estas multe malpli ol asertas ĝiaj nunaj atankantoj pro la « juda spirito » en ĝi; ke tiaj asertoj estas scie mensogaj, celantaj pruvi la tutmondan « judan konspiradon » por detrui ĉiujn verajn valorajojn spiritajn, por ekkapti la tutmondan, superregan potencon, je la malprofito kaj sklavigo de ĉiuj ceteraj popoloj kaj rasoj.

Resume, kara Sinjoro. H J., por utili al la esperanta movado, por restarigi, tiel diri, ĝian krediton, vi nediskuteble pruvas ke ĝi tute ne estas regata de judoj; ke ilia influo en ĝi estas malgrava, k.t.p.

Sed, supozante ke tio ne estus pruvebla; supozante ke la judoj fakte estus multenombraj kaj influaj inter la esperantistoj, ĉu la movado pro tio abomeniĝus? Ĉu la « arianoj » tiuokaze sin deturnu de ĝi, forkuru el ĝi kvazaŭ el mezo pesto-infektita? Aŭ ĉu la judoj prefere forlasu tiam la movadon, rezignu ĉian funkcion en ĝi, por ne plu malutili?...

La klara pozicio, dezirata de vi, postulas, ŝajnas al mi, precizajn respondojn al la supraj demandoj.

Antaŭdankante pro ili, mi salutas vin samideane.

Malnova esperantisto — judo.

## SOS DANKAS!

Al mia SOS-alvoko en numero 447-448 de ESPERANTO mi ricevis multajn respondojn. Mi dankas al ĉiuj respondintoj, kiuj provis helpi al mi. Nun estas pli bone al mi, sed mi estas tiom multe okupita per laboro, ke mi ne povas al ĉiuj aparte respondi. Eble mi foje poste raportos pri rezultoj de mia provo.

Do, denove koran dankon al ĉiuj!

Aleksander Turkoviĉ, Zagreb.

## Internacia Inform-Servo

Junalistoj kiuj havas intereson por interŝanĝi aktualajn artikolojn por gazetoj skribu al: Journalist Gudfred Norgaard Jepsen, Silkeborg, Danmark.

## Prospekton

ilustritan, pri Ĉeĥoslovakio senpage sendas Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo, Praha XIX, Uralské, 9.

## Esperanto kaj Instruado

La propagando por nia movado nuntempe ofte okazas sub devizo: « Esperanto en la lernejon ». Ni propagandas kaj parolas pri ĉi tiu temo al aŭtoritatuloj, sed antaŭ ĉio ni devos interesiĝi la instruistaron kaj la gepatrojn de la lernejanoj, kiujn ni volas atingi. En la propagandaj kunvenoj oni ĉiam montru plej multan materialon, rilate al la lingvo-uzado per la junularo: kurso-libretoj, legolibroj, gazetoj kaj korespondajoj. Sed por akiri en tiaj kunvenoj plej grandan nombron da aŭskultantoj, oni devas apliki ion treege allogan por la publiko. La estraro de TAGE priparolis tion kaj opinias, ke granda kvanto da *infandesegnajoj* povos efiki kiel sufiĉe grava allogajo en kunvenoj, kien oni petas personojn, kiuj havas intereson por edukado kaj instruado. Tiamaniere ni pli bone kunvenigos ĝuste tiujn personojn, kiujn ni antaŭ ĉio bezonas por enkonduko de Esp. en la lernejojn.

Por tiuj celoj TAGE kolektos nun infandesegnajojn, plej diverslandajn kaj mi petas al vi, karaj gekolegoj, vian afablan kunlaboron. B.v. sendi al mia adreso, antaŭ la unua de januaro 1938-a, sufiĉe grandan kvanton da infandesegnajoj. Indiku s.v.p. sur ĉiu folio, la aĝon de la lernanto, kiu ĝin desegnis. Se vi opinias necese aldoni kelkajn rimarkojn, b.v. tion fari sur aparta papero.

El la ricevita materialo mi faros specialan ekspozicieton, kiun mi poste povos pruntedone sendi al ĉiu kolego aŭ propagandisto, kiu ĝin bezonos por « lerneja » kunveno. Sed pripensu, ke tia materialo *nur* povos esti valora, *se ĝi estos plej varia,* do *nur se multaj kolegoj el multaj landoj helpos.* Ĉu mi povos kalkuli je via kunlaboro??

P. Korte, admin., TAGE. Schoolstr. 13, Veendam, Nederl.

## Katolika E-Movado

Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista — IKUE — kies sidejo estas nune en Brno, ĉe S-ro Aleŝ Berka, Ĝenerala Sekretario decidis ke venontjara mondkongreso de nia unuiĝo okazu en Ljubljana, Jugoslavio de 23-a ĝis 29-a de Julio 1938. Tie jam sub prezido de S-ro Peter Golobič funkcias Kongresa Komitato, kiu donos ĉiujn necesajn informojn pri kongreso. Do ne povos okazi nia XX-a en Budapesto, tie nur kunvenos katolikaj esperantistoj, kiuj vizitos tutmondan Eŭkaristian katolikan kongreson! Informojn pri NIA XX-a vi legos en E-gazetoj speciale « Espero Katolika », kaj « Niaj Vizaĝoj », kies redaktoro S-ro Damjan Vahen, konata Slovena verkisto, estas sekretario de NIA XX-a ĉe lia adreso: Ljubljana, Reslova 29.-Jugoslavujo kie oni petu informojn pri loĝigo k.t.p. Tien ankaŭ estu sendataj monsendoj, precipe kongreskotizo 50 dinaroj. Informojn pri IKUE, kaj specimenoj de EK oni ricevos de S-ro Aleŝ Berka, ĝenerala sekretario-kasisto, de IKUE, Brno Vjircharich 8. Ĉeĥoslov.

## Poŝtmarkoj

S-ro Jiri Hromada, studento, Praha VII, Socharska, 2, PM., k.ĉ.l. Temas pri kompletigo de la albumo per ordinaraj pecoj.

## Interŝanĝo

**Pardubice** [Ĉeĥoslov.] — S-ro Josef Svaton, oficisto, ONP, Husova 278, Pl., 6 fl., PM., k.ĉ.l.

## Tra nordeuropo per Esperanto

Ankaŭ la dua parto de la vojaĝo de S-ano Ivan Krestanov okazis kvazaŭ sur reloj, dank' al la fakto, ke li paroladas *senpage* kaj al la morala helpo de la bulgaraj ĉefkonsuloj kaj de la Sveda Esperanto-Federacio kaj Norvega Esperanto-Ligo. Li faris sukcesajn paroladojn pri « Bulgarujo — lando de la rozoj kaj centjaruloj » en *Stockholm* (du), Upsala, Örebro, Karlskoga, *Goteborg,* Halmstad, Hässleholm, Malmö, Lund, Helsingborg, *Oslo,* Kongsberg. Kristiansand, Stavanger, Haugesund, Bergen, Hamar, Brummunddal, Trondhjem. k.a. La gazetaro plej favore raportis, donante longajn intervjuojn kaj publikigante la portreton de S-ro Krestanov kaj karakterizajn bildojn el lia patrolando.

Nun S-ro Krestanov vojaĝas tra *Danujo,* la lando de Andersen kaj Hamleto, post kio li vizitos *Islandon,* la lastan landon de Eŭropo, kiun kontinenton li jam konas kaj trovas tre malgranda. Ĉie Esperanto mirinde servis al li kaj ĉie, sur eta vojo, fidelaj amikoj dejoras.

## Tra Danlando

Kvankam « estas io putra en Danujo » pro la du partioj de danaj esperantistoj, nia bulgara samideano, Ivan H. Krestanov, LK, sukcesis fari bonan propagandan vojaĝon tra la tuta lando. Dum tri semajnoj li vizitis la jenajn lokojn: Kopenhago, Haslev, Karise, Vordingborg, Naestved, Slagelse, Korsör, Nyborg, Odense, Sönderborg, Esbjerg, Ringkobing, Ulfborg, Holstebro, Viborg, Aalborg, Aarhus, Fredericia, Kalundborg, Holbaek, Helsingor, Nykobing, Randers, Langaa, Frederikshavn kaj Silkeborg. En la plejmulto da ili li vizitis la lokajn redakciojn kaj faris senpagajn paroladojn pri Bulgarujo. La gazetoj donis longajn intervjuojn kaj raportis, ofte kun la foto de S-ro Krestanov kaj bildoj el Bulgarujo.

Nia samideano enŝipiĝis la 27 novembro 1937 al Islando, kie li metas finon de sia Eŭropa vojaĝo kaj de sia nova verko « *Tra Eŭropo per Esperanto* » (ĉ. 300 paĝoj kun multaj ilustraĵoj) kiu aperos en 1938.

Adresu ĝis 1 marto 1938: Ivan H. Krestanov, Poste restante, Reykjavik, Islando.

## Katalunio

« La Esperanto Komitato de Katalunujo nomis specialan komisionon por pristudadi kaj esplori la problemon de enkonduko de Esperanto kiel devigan fakon en la lernejoj de Katalunujo. Por faciligi la laboron de tiu komisiono, oni petas al ĉiuj, kiuj havas ion da sperto sur la tereno de enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj alian materialon rilatan tiun problemon, por sendi al Comissariat de Propaganda de Generalitat de Catalunya, Esperanto-Fako, Barcelona.

Ĉiuj, kiuj povas utiligi la enhavon de niaj bultenoj por la gazetaro kaj propagando-celoj, povas ricevi ilin, sendante sian adreson. »

## Filatelistoj

Mi interŝanĝas finnajn kaj skandinavajn poŝtmarkojn kontraŭ sudeŭropaj kaj ĉiuj ekster-eŭropaj poŝtmarkoj.

P. Blomquist, Suomen Pankki, Helsinki, Suomi.

## B E S - adresaro

« La 13.-a eldono de « BES-Adresaro » ne povis ankoraŭ aperi pro grava malsano de ĝia redaktoro. Sed nun ĝi estas jam preparata por la preso kaj aperos vintre 1937/38. — La jam aliĝintoj afable informu la redakcion de « BES-Adresaro », Potŝtejn, Ĉ.S.R., pri eventualaj ŝanĝoj de adresoj. »

## Duobla jubileo

La 10 × XI kunvenis 20 esperantistinoj, por festi la 50-jaran jubileon de **Esperanto** kaj honorigi la **30-jaran** laboron por Esperanto, kiun plenumas fidele kaj entuziasme faka instruistino **Julie Supichová**. Pri ŝia nelacigebla laboro parolis F-ino S. Dlouhá: propre verkitan poemon, dediĉitan al la jubilantino, deklamis S-ino Hartmanová, poste la jubilantino, kortuŝita kaj surprizita, paroladis pri iama kaj nuna Esperantujo. Oni donis al la amata instruistino kaj gvidantino budekon, kies rubandoj havas verdan stelon kaj daton: 1907-1937 /propra laboro de S-ino Moudrá-Herman-ská/. Vere - bela vespereto de ĉeĥoslovakaj samideaninoj!



## Senpage

publikigas adresojn de geknaboj, kiuj deziras korespondi, la mon. ata gazeto « La Vojo ». Adreso Redakcio: Marathonweg 15, Amsterdam, Nederlando.

Fondinto: H. Hodler, † 1920

Redakcio: Genève.

Red.: Provizora Komitato de U E A

Presis: Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato: 25 Novembro 1937